# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

24a jaro Majo/Junio 1972 N-ro 3




*La somero nun venas kun ferio kaj vojaĝoj. La redakcio de IF deziras al siaj gelegantoj bonan kaj agrablan someron!*

La foton disponis Dagbladet, Oslo.

# Raporto pri la 24-a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio



*La estraro de IFEF post la 24-a Kongreso: De maldekstre: Wim van Leeuwen - vicprezidanto, Elfriede Kruse - sekretariino, Joachim Giessner - prezidanto, Otto Walder - kasisto, Per Johan Krogstie - redaktoro.*

Entute 660 personoj el 18 landoj partoprenis la 24-an Kongreson de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF), inter ili troviĝis 550 fervojistoj. Tio en si mem jam estas granda sukceso. Sed, ke malgraŭ la beleco de la ĉirkaŭaĵo de Lugano, kiu invitadis al ekskursado, la ĝeneralaj kaj fakaj kunsidoj dumtagaj ĉiam estis bone frekventataj, ke ĉiuj programeroj vekis entuziasmon, ke la radio, la televido kaj pluraj gaztoj interesiĝis pri la kongresa laboro kaj detale raportis pri ĝi, kaj ke pro tio nekongresanoj venis informiĝi en la kongresa libro-budo pri la nuna stato de Esperanto, jen multaj

Daŭrigo p. 44.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**

**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**

**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

# Resumo kaj komentario pri la jaraj raportoj de la landaj asocioj de IFEF 1971

Proverbo diras, ke oni ne laŭdu la tagon antaŭ la vespero. Aplikita al resumado de jarraportoj estas konstati kiel bedaŭrinda, ke post du jaroj, pri kiuj envenis ĉiuj raportoj, la bulgara mankas.

Post senĉesa kresko de la membraro, por la unua fojo malkreskis la anaro de 3050 al 2846 kapoj: Plej grandaj perdoj en Bulgario kaj Jugoslavio. 742 pliaj anoj membriĝus, se la koncernaj l.a. havus la eblecon ricevi pliajn devizojn.

*21. Landaj estraroj, funkciuloj kaj membraro.*

*21.2. Landaj estraroj.* La fideleco al la movado denove pruviĝis per etaj ŝanĝoj en la landaj estraroj. Novaj prezidantoj en Belgio kaj Francio. Nova sekretario en Francio. Alia kasisto en Svisio. La sveda asocio ŝanĝis sian titolon.

*21.2.2. Laborētereno de niaj membroj.* La respondoj ne estas kompletaj kaj nur ĉe 68 % de nia membraro rilatas. La konsisto por tiu membroparto estas:

administracio 20 %, funkcia deĵoro 17 %, trakcia deĵoro 14 %, riparejoj 6 %, komerca branĉo 6 %, konstrua sekcio 5 %, elektra servo 3 %, nefervojistoj kaj nekonataj branĉoj 6 % kaj pensiuloj 23 %.

*21.2.3. Familianoj kiel membroj de l.a.* troviĝas 163 en 14 respondintaj l.a. En Finnlando kaj Hispanio nur fervojistoj povas aliĝi.

*21.2.4. Familianoj de IFEF-anoj, scipovantaj Esperanton* troviĝas 285 en 13 respondintaj asocioj. Al 4 asocioj tiu nombro ne estas konata. Feliĉe Italio povas mencii, ke «ĉiuj familianoj» estas esperantistoj.

*25. Informado.*

*25.1. Nefavoraj artikoloj pri Esperanto* dumjare aperis nur unu, en Rumanio, kiu estis rebatita. Nederlando mencias unu mokan publikaĵon.

*25.2.0. Artikoloj pro interveno de IFEF-anoj* aperis 331 dum 1971 kaj pro la kongreso multaj nekalkulitaj en Italio. La rekordon gardas Germanio kun 154. Sekvas Svisio kun 35 Danio kun 31 kaj Belgio kun 28 artikoloj.

*25.2.01. Kongresa bulteno* ne aperis en Maribor.

*25.2.02. Kritiko pri tiu bulteno* postulas, ke nepre aperu kongresfina raporto, kun precizaj informoj kaj senerara listigo de nomoj de gravaj personoj. La bulteno estu prespreta kaj konciza. Kontraŭe alia l.o. deziras, ke tia raporto estu detala kaj ampleksa.

*25.2.1. Publikigo faka prelego Maribor.* La plena prelegteksto aperis sole en la of. organo de IFEF. Resumoj de la prelego aperis 16, el kiuj 8 en Jugoslavio kaj krome 47 mencioj, el kiuj 14 en Jugoslavio.

*25.2.1.2. Aliaj fak- aŭ IFEF-koncernaj prelegoj* okazis en la UK Londono pri «Trafikaj problemoj de la venonta jardeko». Sur nacia bazo 6 diapozitivaj prelegoj en Belgio, 1 diaprelego en Danio, 7 fakaj prelegoj en regionaj kunvenoj de Germanio kaj diversaj prelegoj en Polio.

*25.2.2. Informado de fervojistaj administracioj kaj sindikatoj.* Regulaj informantoj de siaj direkcioj estas Danio, Hungario, Italio kaj Sviso. 4 landoj okaze informas sian direkcion. En Belgio kaj Francio la of. ferv. gazetoj ricevas kaj aperigas regule artikolojn. 8 landaj asocioj plene preterlasas informadon.

La ferv. sindikaton regule informas Aŭstrio, Danio, Germanio, Hungario kaj Svisio, ĉiuj mencias bonan reagon. 11 landoj ne rilatus kun sindikatoj.

*25.2.3. Informado en deĵorejoj.* Tian plejmalmultekostan propagandon regule entreprenas 12 landaj asocioj, 3 ne elprovas tion kaj 3 ne respondis tiun demandon.

Parte tiu informado estas nur limigita, parte ĝi ekzistas el disdono de gazetoj, parte flanke de sociala aŭ hobia tutfervojista organizaĵo. Dum 1971 parte estis utiligitaj la IFEF-afiŝoj.

*25.2.4. Radio kaj televizio.* Rilate radio oni raportas pri 10 sendaĵoj. Krome kelkaj mencioj en unu lando kaj ĝeneralaj informoj en alia lando. En Svisio pere de regulaj esperanto-dissendoj estis okazigita konkurso, kies premio konsistas el senpaga partopreno al la 24-a IFEF-kongreso en Lugano.

En televizio ni trovis 7 prezentaĵojn. Televizia kurso en Nederlando fontas el klopodoj de la federacio de Esp. nederlandaj, al kiu ankaŭ nia l.a. apartenas. Laŭ la belga raporto ankaŭ tiu l.a. varbis por ĝi.

*25.3. Ekspozicioj.* Rekorda estis la aranĝo kaj vizitado de ekspozicioj en 1971. 28 okazis en 11 landoj, kiujn vizitis proks. 6300 personoj. Italio kaj Polio mencias po 5, Danio 4 kaj Germanio 3 ekspoziciojn.

*25.4. Disdono de informa materialo.* Dumjare estis utiligataj 1000 afiŝoj (la resumanto demandas sin, ĉu la ceteraj 6000 disvenditaj IFEF-afiŝoj troviĝas ankoraŭ en profundaj keloj?).

Krom tio 13 500 flugfolioj, parte eldonitaj por pluraj celoj de hobio-societoj disvastiĝis. Ankaŭ 2500 varbbroŝuroj disdoniĝis. Kelkaj l.a. neklare respondis tiurilate.

*28. Terminara laboro.*

a) Germanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando kaj Norvegio mencias, ke nacilingvaj terminaroj jam aperis.

Daŭrigataj estas la klopodoj en Britio, Ĉeĥoslovakio, Italio kaj Svedio. Tradukita, sed ne jam reviziita estas terminaro en Danio.

Komencis la laboron Hispanio.

La laboro stagnas en Finnlando kaj Polio.

b) Por la traduko de la UIC-vortaro daŭre laboras Germanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando kaj Svisio. La aliaj l.a. ne okupiĝas pri tio.

*101. Diversaĵoj.*

Aŭstrio konstatas, ke ĝiaj jarkunvenoj fariĝas pli kaj pli internacie vizitataj.

Belgio taksas 1971 kiel gravan informjaron, neniam okazis tiom grava diskonigo de Esperanto de gazetaro kaj radio.

Britio: Okazis 3 kursoj.

Ĉeĥoslovakio konstatas, ke restis en la l.a. nur kolegoj, kiuj vere ŝatas la movadon kaj kiuj kontentige laboras. Feliĉe aniĝis junuloj.

Danio ĝuas pli fortan kunlaboron kun lokaj esp. kluboj kaj bonajn rezultojn dank al kunlaboro kun FISAIC-sekcioj.

Finnlando partoprenas vigle en la nacia Esperanto-movado.

Francio konstatas, ke la rilatoj kun la landa Esp. organizajo fariĝas ĉiam pli bonaj. Sukcesa fervojista semajno en Esp. kulturdomo Grésillon.

Germanio deziras, ke la IFEF-komitato ekspluatu la resumon kaj akcelu pere de sia organo novajn aktivecojn.

Hispanio sukcese laboras per korespondа kurso, eldonita 1971. Vendado de 5000 loteribiletoj kun Esp. propagando.

Hungario mencias kursojn en fervojista edukhejmo kaj en la fervojista alt-

lernejo Budapest. Aranĝis perfektigan kurson por grupgvidantoj en Zanka. 4-foje eldonis «Hungara Fervojista Mondo» en po 1000 ekz« Aperigas daŭre resumojn pri artikoloj el fervojista kuracista gazeto.

Italio kontentas pri deko da artikoloj en fervojoficiala gazeto, pri plurmilo da faldfolioj disponigitaj de libertempe organizaĵo fervoja, pri sukceso en filatelista ekspozicio kaj pri prelego en kongreso de itala amika rondo de staciestroj.

Jugoslavio aperigis 6-foje sian organon kun fakaj kaj terminaraj artikoloj. Bonaj rilatoj kun ferv. instancoj kaj subteno por la 23-a IFEF-Kongreso en Maribor.

Nederlando ĝojas pri sukcesa 25-jara jubileo kaj eldono de broŝuro «Historio de FERN».

Norvegio raportas, ke la ferv. administracio noveldonis la prospekton pri la ferv. muzeo, pri tutpaĝa anonco en jarlibro UEA kaj pri multaj alskriboj al la direkcio pro tiuj publikaĵoj.

Polio: Regulaj kunvenoj en Gdansk, kun eksterlandaj prelegantoj. Kursgvidado. Daŭre aperas la klarigoj en la horaro en la int. lingvo.

Rumanio eldonas «informan-leteron» kun varbcelo, kiu estas sola interligilo por la tutlandaj esperantistoj. Kompilado kaj eldono de koresponda kurso. Senĉesa batalo eldonigi vortaron ruman-esp. lingvan, kiu verŝajne 1972 aperos.

Svedio: Bona kunlaboro kun lokaj Esp. kluboj. Ekspozicio en komuna aranĝo kun aliaj hobiosocietoj.

Svisio: 13a Eŭropa Ferio Semajno Füri-gen kun 70 partoprenintoj, kun lingvokurso kaj libroekspozicio. 22-leciona koresponda kurso de Cl. Gacond aperas en sindikata gazeto «Le Cheminot». Organizado de la 24-a IFEF-kongreso en Lugano.

*

El 26 paĝoj da raportoj estiĝis tiu supervido. Supervido jam diras, ke ne sufiĉas rapide trafoliumi ĝin kaj flankenmeti al malhela loko. Same la jaraj raportoj indas pli profundan ekzamenon. Resumanto opinias, ke en ĉiu folio kuŝas certaj spertoj, menciiĝas konfesoj pri nesukcesoj. Kial ne foje lerni de alies sukcesoj, sed ankaŭ de neplenumiĝo de esperoj. Ne plendi pri temporabo por raportado, lerni el helaj kaj malhelaj konfesoj de la najbaro, tion ni celu.

Se eble iu ero en via raporto tie ne estas sufiĉe akcentata, tiam pardonu la resumanton.

Romanshorn, 10-a de aprilo 1972.

*O. Walder*

# Ekstrakto el la protokoloj de la publikaj kunsidoj estraro/komitato en Lugano

2. *Resumado de raportoj de landaj asocioj*

Kiel jam en la pasintaj jaroj la kasisto verkis resumon kun komentario pri la jarraportoj ankaŭ pri 1971. Kaj kiel kutime ĝi donas bonegan superrigardon. La prezidanto speciale dankis al li pro tiu konsiderinda kaj akurata laboro, kiu estu, tio estas dezirinda, amplekse utiligata flanke de la landaj asocioj. La resumo komplete aperos en IF.

3. *Raporto pri la komitata laboro* forfalis, ĉar la Ĉefkomitatano kiel sekretario de LKK ne estis trovinta tempon por verki ĝin. La prezidanto akcentis, ke la kunlaboro inter estraro kaj ĉefkomitatano daŭre estis tre frukto-

dona kaj ke la ĉefkomitatano ĉiam en plej taŭga maniero plenumis sian taskon.

4. *Kunvenoj en Universalaj Kongresoj*
UK 1972 en Portland (USA). La estraro komisiis kolegon Devis (Hispanio) oficiale reprezenti IFEF. UK 1973 en Beograd. Kolego Sekereŝ provos prelegi en la kadro de la Somera Universitato.

5. *Jarraportoj* — sistemo, daŭrigo
Oni samopinias, ke la jarraportoj estu daŭrigataj. Tamen la demandaroj estu koncizigitaj kaj pli precizaj. Ne eblas enmeti la estrarajn raportojn, ĉar tiuj laŭstatute devas esti publicitaj jam pli frue kaj ne temas pri landa agado. La estraro sin okupos pri nova skemo.

6. *Statuto*
Pri la fintraktado de la statuto, regularo kaj aldonaĵoj okazis speciala kunsido la 9an de majo, en kiu la tuta materialo estis findiskutita. Voĉdono en la plenkunsido.

7. *Libera diskutado*
Laŭ deziro de la dana landa asocio la prezidanto tradukis la *FISAIC-statuton* en Esperanton. La danoj retradukis ĝin en sian nacian lingvon kaj prezentis ĝin al la dana FISAIC-sekcio, kiu ne kapablis legi nek la francan nek la germanan tekston. Se aliaj landaj asocioj deziras imiti tiun ekzemplon, ili povos peti esperantlingvan ekzempleron ĉe la dana landa asocio. Tio samtempe estas bona propagando por la eblecoj de Esperanto.

*Ekster la tagordo:*

La eksiĝanta vicprezidanto Gvozden Sredić devis forlasi la kongreson jam mardon. Pro tio la prezidanto sincere kaj kore dankis lin pro lia kvarjara fidela kunlaboro. Kiel eksteran danksignon la prezidanto transdonis al kolego Sredić valoran libron.

PLENKUNSIDO 11.5.72

1. la prezidanto salutas la ĉeestantojn kaj enkondukas per kelkaj vortoj. Inter alie li menciis
a) reciprokaj vizitoj de aranĝoj de landaj asocioj estas utilaj same kiel la okazigo de plurlandaj renkontiĝoj;
b) la altan kaj konstante kreskantan nombron de niaj emerituloj, kio respegulas la same konstante mankantan alfluon de junuloj;
c) ke multaj fervojistoj estas UEA-fakdelegitoj *ne*fervojaj. Ili plejeble fariĝu ankaŭ fakdelegitoj fervojaj. Krome necesas pli da ĝeneralaj delegitoj. La landaj asocioj bonvolu influi siajn membrojn.
d) la fakprelegoj ili trafe estu eluzotaj, minimume traduki la resumon. La faka laboro estu nepre akcentata eksteren. La landaj asocioj subtenu la agadon de la fakprelega kaj terminara komisionoj, ĉar ili estas institucioj de IFEF kaj iliaj membroj libervole dediĉas multe da tempo al tiuj laboroj.
e) ke nia informado estu trafa, moderna, konciza.
Sekvas la mandatkonstato. Ĉeestas 24 komitatanoj (ne daŭre). En la voĉdonoj pri kongresproponoj n-roj 1 ĝis 8 krome estas konsideritaj la voĉo de Polio, en tiu pri propono 8 ankaŭ tiu de Rumanio.

2. *Ricevitaj telegramoj kaj leteroj.*
La sekretariino laŭtlegas ilin. De sur bendo la kunvenintoj aŭskultas salutojn «de la unua novzelanda IFEF-membro Nielsen».

3. *Kongresraporto Maribor* (IF 3/71 p. 34) estas akceptita per 22 voĉoj kaj 2 sindetenoj.

4. *La estraraj raportoj* (sekretaria, redaktora, kasista) estas unuanime akcep-

titaj. El la revizora raporto de kolego Glättli estas ekkonebla, ke ĉio estas en ordo. Ekzistas nun membroj en 26 landoj.
La membronombro de la dana landa asocio estas 85 (ne 75 kiel en IF 1/72 p. 11 indikita).

5. *Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj.*
5.1, 5.2 kaj 5.3 *terminara, fakprelega komisionoj* kaj *junulara sekcio:*
La raportojn bonvolu legi en IF. Voĉdonoj: 5.1 kaj = 21 por, 0 kontraŭ, 2 sindetenoj, 5.3 = 24 por. Kaj gratulon cetere al Nederlando, kiu ĵus eldonis sian terminareton kiel kvina landa asocio.
5.4. *Komitatano A de UEA,* .. ..
d-ro Bácskai
Mencias la elekton de kolego Greutert kiel komitatanon B de UEA. La prezidanto de UEA, prof. d-ro Lapenna, telegrame agnoskis la bonan kunlaboradon flanke de IFEF. La kontaktkunveno en Londono estis sukceso.
Voĉdono: 23 por, 1 sindeteno.
5.5 *Statuta komisiono*
Barnickel raportas, ke en 3jara laboro kreskis la nova statuto kun regularoj kaj aldonoj, kiujn nun necesas akcepti. La prezidanto substrekas, ke dum la prilaborado ekestis multaj neantaŭviditaj problemoj kaj speciale li dankas al Barnickel pro ties gvida laboro.

6. *Decido pri la nova statuto*
Voĉdono pri kompleta statuto, regularo kaj aldonoj 1 ĝis 5.
24 voĉoj por (unuanime akceptita).
Post la paŭzo la prezidanto honorigas la mortintojn de la pasinta jaro 1971 (vidu la sekretarian raporton IF p 25). La ĉeestantoj starantaj honoras ilin per silenta minuto.

7. *Kongresproponoj* (vidu IF p. 6)
7.1. En la diskuto montriĝas, ke necesas landaj asocioj, kiuj pretas kunlabori kaj fervojaj administracioj, kiuj pretas utiligi al si la servon. En tiuj landaj asocioj necesas taŭgaj personoj, kiuj pretas *daŭre* kunlabori, kapablas senriproĉe traduki ambaŭdirekten, konas la gramatikajn kaj stilajn subtilaĵojn de siaj superuloj. La tradukendaj tekstoj venus el ĉiuj brancoj de la fervojo (funkcia, komerca, signalil-, maŝin-, konstru- ktp teknikaj ktp, ktp). Oni sugestas, informi UIC, ke IFEF estas preta kunlabori, kvankam tio enhavas ankaŭ danĝeron. Aliaj opinias, ke ja ne necesas transpreni tre komplikajn taskojn. Demando nur estas, ĉu ni povus elekti, kiam la sistemo vere estus ekfunkciinta.
*Decido:* La propono ne estas akceptita en la proponita formo, sed kun la aldona rekomendo al ĉiuj landaj asocioj, kiuj pretas agi laŭ ĝi, eksperimente fari tion. Krome Italio, la gvidantoj de la terminara kaj faka komisionoj kaj la estraro interrilatos, kiam surbaze de spertoj el tiuj eventualaj eksperimentoj estos eble fari konkludojn kaj progresigi la planon.
Voĉdono: 23 por la propono kun aldonita rekomendo, 1 sindetenas.
7.2. Post laŭtlego de la teksto la prezidanto unue petas la landajn asociojn, kiuj organizis la kongresojn en 64, 66 kaj 71 sendi la kongreslibrojn al Nawrowski.
Temas pri pli ol biblioteko, temas pri muzeo (ĉar estas proponitaj ankaŭ poŝtmarkoj, fotoj, insignoj ktp). Kiu faros la laboron, kiu disponigos la necesajn ĉambrojn? Jam ekzistas biblioteko, kiu enhavas multon de IFEF, nome la IEM en Vieno, kie ĉiu libro estas prunteprenebla. Estas eĉ reko-

mendinde, ke ĉiu landa asocio, ĉiu ano de IFEF sendu Esperanto-valoraĵojn al la viena muzeo.
Voĉdono: — por, 22 kontraŭ, 1 sindeteno — malakceptita.
7.3. Tiuj du proponoj interrilatas kaj estas pro tio traktataj komune.
7.4. La prezidanto mem jam havas la ideon, okaze de konvena tempopunkto verki komune kun ĉiuj landaj asocioj novan historion de IFEF.
*Decido:* malakcepti la proponon en tiu formo, tamen la estraro submetos venintjare al la komitato proponon, kiu celos fari la unuajn paŝojn.
Ĉi-sence voĉdono por propono 3—22 por, 1 sindeteno, 0 kontraŭ.
voĉdono por propono 4—23 por, 1 sindeteno, 0 kontraŭ.
7.5. Post laŭtlego la prezidanto memorigas, ke ĉi tiu propono en sama aŭ simila formo jam estis malakceptita, ĉar ne realigebla.
Voĉdono: 0 por, 21 kontraŭ, 3 sindetenoj.
7.6. En la jarlibro ĉiujare troviĝas nia jarraporto. La spaco estas limigita. Ni klopodas ricevi pli da spaco, tio tamen dependas de UEA. La propono estas superflua, ĉar laŭ ĝi jam daŭre estas agita. Pro tio la komitato ne voĉdonas.

7.7. La estraro traktis tiun proponon kaj konsilas, unu fojon presigi la titolojn, verkintojn, ankaŭ la respektivajn jarojn kaj preleglokojn (landojn) en la kongreslibro Århus, same poste en IF por la tuta membraro. En tiu senco voĉdono 25 por, 0 kontraŭ 0 sindeteno.
7.8. *Estrarelekto.*
Ĉefkomitatano provizore transprenas la gvidadon de la kunsido, la estraranoj forlasis la salonon.
Skriba sekreta voĉdono rezultas (25 voĉdoniloj + skribaj de Polio kaj Rumanio).
Prezidanto, por 27, kontraŭ 0 sindeteno 0 Vicprez. d-ro Ferenzy por 12 kontraŭ 0 sindeteno 0 Vicprez. van Leeuwen por 15 kontraŭ 0 sindeteno — Sekretariino Kruse por 27 kontraŭ 0 sindeteno 0 Kasisto Walder por 27 kontraŭ 0 sindeteno 0 Redaktoro Krogstie por 27,- 0 kontraŭ, 0 sindeteno.
Nove elektita vicprezidanto estas Wim van Leeuwen, Nederlando.
Sub forta aplaŭdo de la ĉeestantoj la Ĉefkomitatano gratulas al la reelektitaj kaj nova estraranoj kun bondeziroj por la estonta laboro. La prezidanto dankas kaj promesas, ke la nova estraro faros ĉion eblan por la movado. La nova vicprezidanto transprenas sian oficon.

8. *Budĝeto 1973*
Walder prezentas la budĝeton skribitan al la komitato. La prezidanto sciigas, ke la norvega presejo estas fiksinta la prezon por IF proksimume 30 % pli altan sen antaŭa averto aŭ interkonsento.
Voĉdono: 24 por la budĝeto, 0 kontraŭ 0 sindeteno.

9. *Estrarelekto* vidu 7.8

10. *Elekto de revizoroj*
Estas proponitaj la svisaj kolegoj Ernst Glättli, Ernst Rohner, Johan Jüstrich, kiel vicrevizoro Hans Noll.
Voĉdono: por 24, 0 kontraŭ, 0 sindeteno.

11. *Elekto de kongreslokoj*
Por 1973 estas Århus (Danio) unuanime akceptita, por 1974 invitas Hispanio, loko ne jam konata,
por 22, kontraŭ 0, sindetenas 2.
Krome invitas Delaquaize nome de

Belgio, Francio, kaj Germanio al trilanda renkontiĝo kaj komunaj jarkunvenoj 6.—9. de oktobro 1972 en Clerveaux (Luksemburgo),
D-ro Bácskai invitas al somera festivalo, 17.—23.7. en Budapest.
Mevel kiel junulara gvidanto invitas al la internacia skisemajno en Werfenweng (Aŭstrio) 10.—17.2.1973
ĉio akceptita per aplaŭdo.

12. *Libera diskutado*

12.1. Ejkenaar (Nederlando) klarigas, ke en Zwolle estos planita Zamenhof-monumento, el kiu la urbaj instancoj multe helpos, tamen faras la kondiĉon, ke la esperantistoj ankaŭ kontribuos per iom da mono. Li disdonos ĉe la elirejo fotografaĵon kun bildo de d-ro Zamenhof kaj petas iom da mono.

12.2. Ĉoyac (Francio) deziras havi ĉiujn raportojn en unu IF. Sed tio ne eblas, ĉar ili estas faritaj pri diversaj tempospacoj kaj je tute malsamaj limdatoj. Tio ankaŭ estus kontraŭstatuta.

12.3. Gimelli (Italio) petas sendi librojn kaj revuojn al nacia Esperanto-biblioteko Castello Malaspina - Massa Carrara (Italio).

*Kruse* — Sekretariino

*Giessner* — Prezidanto

*

## Kunsido de la terminara komisiono

okazis lundon posttagmeze. Unufoje la disponebla tempo de tri horoj ebligis senurĝan traktadon de la tagordo kaj unuafoje la jarraportoj de la landaj sekcioj de IFEF enhavis informojn pri la farita terminara laboro, tiel ke la resumo prezentita dum la kongreso ŝparis al TK multan tempon.

Malgraŭ tio preskaŭ preteratentiĝis, ke inter la lastjara kaj la nunjara kongreso ankaŭ la nederlandaj kolegoj sukcesis pri la eldono de Fervoja Terminareto, la kvina en la vico.

Klopodoj en pliaj landoj daŭras.

La gvidanto disdonis kompilaĵon de ĉiuj terminoj el la Plena Ilustrita Vortaro, kiuj koncernas la fervojan fakon.

Gravaj mankoj en PIV evidentiĝis ĉe tiuj difinoj kaj necesos kontaktiĝo kun la direktoro de la Terminologia Centro de ISAE, kiu nun estas inĝ. Broise en Francio.

La ĉeftasko de TK, la esperantigo de la ĝenerala fervojteknika leksikono de UIC, nun komplete estas dividita laŭlitere inter la diverslandaj kunlaborantoj.

Plej detale la komisiono okupiĝis pri la revizia metodo, kiu certigos internaciecon de la komunaj traduklaboroj.

Ĉar interkonsento *ne* estis atingebla, oni decidis favore al kompromisa eksperimento unujara. —

La laste proponitaj ŝanĝoj en la Regularo de TK (Aldono IV de la Statuto) estis priparolitaj.

Traduklaboroj pri Reglamentoj internaciaj en Ĉehoslovakio bonege progresis kaj TK esperas kontentige solvi la taskon de reviziado.

*G. Ritterspach, Germanio.*

*

Kun bedaŭro ni konstatis, ke pro miskompreno post la IFEF-kongreso en Maribor ne aperis raporto pri la Terminara Komisiono en IF. Kun malfruiĝo de unu jaro jen almenaŭ la plej grava decido de la kunsido laŭ ĝia tagordopunkto 3, proponita de A. Blondeaux kaj akceptita kun voĉplimulto:

«La komisiono diskutis diversajn sistemojn por esperantigo de urbnomoj kaj konstatis, ke nek la deklaro sur la mondmapo de IOE, nek la ĝenerala antaŭparolo al PIV (paĝo XVIII) prezentas kontentigan solvon. Tial la komisiono rekomendas adopti la sistemon de A. Lienhardt (:lienhart) el Mulhouse (:mil-

huz') publicitan en la Revuo Esperanto de UEA en n-ro 7/8 de 1970 (paĝoj 116/117), nome eviti la esperantigon de urbnomoj kaj uzi la fremdlingvan nomon en la originala skriboformo, laŭbezone kun aldono de proksimuma prononco inter krampoj.»

## Raporto pri la junulara kunsido

23 gejunuloj el 8 landoj partoprenis la junularan kunsidon de la 24a IFEF kongreso en Lugano.

La punktoj de la tagordo estis pridiskutitaj kaj rezulte oni povas diri ke parto de la farita laboro trovis bonan solvon, sed aliaj problemoj stagnis.

Flanke de la bonaj rezultoj: la skisemajno, organizita tiun jaron en Spitzingsee (Bavario). La junularo havis la respondecon pri la distraj vesperaj programoj, kaj la ĝenerala etoso plaĉis al ĉiuj gepartoprenantoj. La junularo estas tre dankema al la organizantoj de tiu belega restado.

Koncerne la preparon de la junularprogramo por la 34a IFEF kongreso (junulara vespero, piedpilkmaĉo) la afero fiaskis malgraŭ la multaj klopodoj antaŭe faritaj por provi realigi tiujn aranĝojn. Ne kulpas LKK sed ĉefe la gejunuloj kiuj, plej grandparte, ŝajnis ne trovi intereson en la organizo de iliaj propraj afero.

Por la venonta jaro ni starigis novan laborplanon entenante 4 punktojn:

— Mandato de IFEF junularrespondeculo por la TEJO kongreso kiu okazos dum Julio en Torün (Polio).

— Interŝanĝo de Esperanto-bultenoj kun la landaj esperantistaj junularaj sekcioj, fervojistaj aŭ ne.

— Realigo de la distra programo de la venonta skisemajno kiu okazos en Salzburga regiono en la nomita loko Werfenweng de la 10a ĝis la 17a de Februaro 1972. (Por ricevi informojn kaj aliĝilojn bonvolu sin turni al mi al ĉisuba adreso).

— Lasta punkto: nova provo pro starigi en Århus la IFEF-junularan programon kiun ni ne sukcesis efektivigi en Lugano (junularvespero, piedpilkmaĉo).

Alia problemo: venontan jaron finos la mandato de la kromkomitatanoj. Dum la jaro mi esploros la situacion por trovi novajn kandidatojn.

Johano Mével, 22 rue du général Patton, 28 CHARTRES, FRANCIO

## El la raporto de la komitatano „A„ de UEA por IFEF.

La ĉefa agado ankaŭ dum la lasta laborperiodo estis plifirmigi la kontakton inter la fakaj organizaĵoj kaj UEA. Rezultoj estas citeblaj kaj el la jarlibroj de UEA kaj el la artikoloj de revuo ESPERANTO. Bona ekzemplo estas ankaŭ la volumo 3/1971 de «Monda Lingvo-Problemo» pri la konata prelego de prof. d-ro Ivo Lapenna: «La problemo de lingva komunikado en la nuntempa mondo», en kies kadro inter la aliaj fakaj ĵurnaloj, revuoj estis vicigita ankaŭ la Internacia Fervojisto.

Okaze de la fervojista kontaktkunveno dum la 56-a U.K. en Londono 1971 estis bonsukcesa kaj altnivela la faka prelego de s-ro F. W. Young: Trafikaj problemoj en la venonta jardeko.

Granda rezulto estis, ke la komitatkunsido de UEA en Londono laŭ la propono de IFEF elektis komitatanon Kurt Greutert, ankaŭ tiamaniere rekonante la laboron de IFEF.

Ĉijare dum la U.K. — okazonta en Portland — ni povas kalkuli nur malpli vizitata kontaktkunveno ol ĝis nun, tamen nia prezidantaro komisios kolegon inter la aliĝintoj por kontaktiĝi kun la parto-

prenantaj gekolegoj kaj saluti la kongreson en la nomo de IFEF.

Venontjare la Universala Kongreso okazos en Beograd, en kies kadro kun JAFE estos organizita kontakta kunveno kun valora faka programo.

Fine en la raporto denove estis akcentita la graveco de la plivastigo de la fakdelegitara reto. Kelkaj ciferoj montras, ke estas abunde da taskoj antaŭ ni! En pli ol sesdek landoj rondcifere 1900 delegitoj laboras, sed fervojaj fakdelegitoj estas nur en la tridek elcentoj de la landoj kaj nur kvar elcentoj de la delegitoj. Nur en Francio, Germanio, Svedio estas pli ol dek kaj en Italio, Svisio kvin kaj en kelkaj landoj kvar fervojaj fd.-j. Dum la lasta jaro jam estas kelkaj novaj, sed se ni kune kun la landaj Esperantaj asocioj, organizaĵoj kun pli granda atento okupiĝos pri tiu ĉi grava temo, nepre estos la rezulto pli okulfrapa en la proksima venonto.

*D.ro István Bácskai.*

## Raporto de la Statutrevizia Komisiono

La Statutrevizia Komisiono, fondita en 1966, finis antaŭ la 23a IFEF-kongreso sian taskon ellabori la novan statutprojekton. En 1971 la komitato akceptis jam la §§ 1—16. Dum la 24a IFEF-kongreso 1972 la komitato decidis pri la modifitaj §§ 17—30 kun la ĝenerala regularo kaj la aldonoj.

La definitiva teksto de la statuto estos multobligata en la formato A 5 kaj forsendata fine de 1972 al la landaj asocioj je la dispono de la komitatanoj kaj eventualaj aliaj interesuloj.

Gvidanto de la statutrevizia komisiono
*W. Barnickel*




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

## Komuniko de LKK-Lugano

Por la oficiala statistiko ni komunikas la definitivajn ciferojn. Aliĝis al la 24-a Esperanto-Kongreso IFEF okazinta en Lugano de la 6-a ĝis la 12-a de majo 1972 entute 672 personoj, partoprenis la kongreson efektive 548 personoj.

Post ordigo de niaj kongreskoncernaj aferoj ni konstatas, ke disponeblas ankoraŭ materialo. Kolektemuloj aŭ interesuloj povas mendi je la sekvantaj prezoj tiujn disponeblajn kongresaĵojn:

| | |
|---|---|
| Kongres-dokumentujo | sv.fr. 10,— |
| Kongres-libro | sv.fr. 4,50 |
| | (int.resp.kuponoj 8) |
| Kongres-insigno | sv.fr. 2,— |
| | (int.resp.kuponoj 4) |
| Koverto kongresa, afrankita kaj stampita kun aldona speciala stampo | sv.fr. 1,20 |
| | (int.resp.kuponoj 2) |

ĉe mendo de 4 kovertoj samtempe vi ricevos unu plian ekzempleron senpage.

Viajn mendojn kaj antaŭpagojn bonvolu direkti al la LKK-sekretario Kurt Greutert, Via Monte Centeri, CH.6512-Giubiasco (Svisio).

Pro la fakto, ke la LKK-anoj dum la tuta kongreso daŭre estis okupitaj, neniu sukcesis fari por ni fotojn kongresmemorajn. Tial ni petas niajn geamikojn, kiuj estis kontentaj pri la kongresaranĝoj, bonvolu sendi al la LKK-sekretario unu aŭ du el viaj kongresaj fotoj. Por via bonvolo kaj kunlaboro ni anticipe kaj kore dankas.

*LKK-sekretario.*

*ATENTU!*

*Komunaj jarkunvenoj de Belgio, Francio kaj Germanio de la 7a ĝis 8a de Oktobro 1972 en Clervaux (Luksemburgo). Alloga programo (vidu IF n-ro 2, paĝo 23). Kaj . . . ni intencas interesigi luksemburgajn kolegojn por Esperanto. Venu multnombre al la ĉi-jara minikongreso. Aliĝilojn bv. peti ĉe s-ino Elfriede Kruse, Schweizer Str. 104, D-6000 Frankfurt/Main. Francoj, belgoj kaj germanoj ricevos ilin rekte per siaj landaj organoj.*

## Nekrologoj

En Danio mortis la 19an de aprilo 1972 **P. Reinhold Jensen,** Århus.

Li esperantiĝis en 1935 kaj partoprenis la unuan IFEF-kongreson.

*

Kun aparta emocio mi memoras hodiaŭ pri homo kiu forlasis nin por ĉiam, homo kiu meritas nian dankon pro la kontribuo donita al nia afero, la disvastigo de l'Esperanto.

**Giovanni Sasselli,** naskiĝinta 1904, eniris la servon de la Svisaj Federaciaj Fervojoj kaj fariĝis lokomotivisto. Profesia akcidento devigis lin 1924 pasigi kelkajn monatojn en hospitalo. Dum tiu tempo li lernis Esperanton. Li fariĝis ne sole findinda amiko de ĝi, sed entuziasma senlaca disvastiganto. Dum multaj jaroj li ĝojis pri kontaktoj en- kaj eksterlandaj, partopreninte multajn manifestaciojn. Dum 1955 li partoprenis la IFEF-kongreson en Zürich kaj ek de tiam denove, plej fervore, varbis por Esperanto. Li fariĝis la fondinto de hodiaŭa movado en sudsvisa regiono, kiun li aktive subtenis kaj partoprenis. Tial ni trovis lin en la Loka Kongresa Komitato de la 24-a Kongreso de IFEF en Lugano, okazinta de la 6-a ĝis la 12-a de majo 1972. Kruela destino malebligis al li atingon de la plej dezirata celo kaj forprenis lin sur la sojlo de la kongreso. Unu semajnon antaŭ la komenco, la 29-an de aprilo li mortis subite.

ILI RIPOZU EN PACO

*

Daŭrigo de p. 34

## Raporto pri. . .

faktoj, kiuj pruvas, ke ne nur kvante, sed ankaŭ enhave kaj propagande, tiu 24-a kongreso restos en la historio de IFEF kiel luma momento.

La tuta kongreso disvolviĝis en «Padiglione Conza». Tiu domego, kiu situas preskaŭ en la centro de Lugano, montriĝis ideala kongresejo. Ĝia salonego taŭgis por la ĝeneralaj okazaĵoj, kaj aldonaj ĉambroj gastigis la libro-vendejon, la poŝtoficejon kaj la sekretariejon. Je kelkaj minutoj de la kongresejo svarmis la restoracioj, hoteloj kaj magazenoj, kaj antaŭ ĉio la belegaj lagbordaj parkoj de Lugano, kie buntis rododenroj kaj printempaj floroj.

Kvankam Lugano estas turisma centro, kiu facile kapablas samtempe gastigi plurajn kongresojn, la IFEF-kongreso ne disvolviĝis en etoso de indiferenteco. Dank' al la klopodoj de la organiza komitato pli ol 100 grandaj afiŝoj ĉe la enirpordoj de magazenoj kaj en restoracioj itallingve invitis la publikon viziti la kongreson. Kaj tiu kongreso mem disvolviĝis inter alie sub la aŭspiciado de la prezidanto de la ĝenerala direkcio de Svisaj Federaciaj Fervojoj (SFF), inĝeniero d-ro O. Wichser, de la prezidanto de la Registaro de la kantono Tiĉino, d-ro A. Righetti, de la prezidanto de la Svisa Fervojista Sindikato, s-ro W. Meier, de la prezidanto de Asocio de Luganaj Transport-Entreprenoj, inĝeniero G. Ferrazzini, kaj de la estro de la urbo

Lugano, advokato F. Pelli. Tiu lasta invitis delegacion de 100 kongresanoj en la urbodomo, la 8-an de majo.

Tiu kongreso estis organizita en sufiĉe malfacilaj cirkonstancoj. Pro politikaj cirkonstancoj malfavoraj al Esperanto, ĝi ne povis esti organizita en Praha, kiel antaŭvidite. Tiam Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj decidis transpreni la organizadon de tiu kongreso. Formiĝis 6-membra Loka Kongresa Komitato (LKK), kiun prezidis Edo Tognini, homo tre konata en Tiĉino. Kiam la laboro komenciĝis, tiam li estis sindikata funkciulo kaj vicprezidanto de la Tiĉina Parlamento. La 29-an de aprilo 1972 subite mortis unu el la komitatanoj, s-ro Giovanni Sasselli, emerita lokomotivestro, homo ankaŭ ege konata kaj efika. Ni povas imagi la dolorigajn kaj malfacilajn tagojn, kiujn tiam travivis la LKK.

La inaŭgura kunveno komenciĝis per emociiga kaj solena honorigo de la ĵus mortinta LKK-ano. Dum la Fervojista Muzikistaro de Bellinzona ludis adiaŭan muzikaĵon, la tuta kongresanaro mediteme staradis rigardante al granda florkrono, kie oni povis legi la du vortojn «Lasta saluto». Sed ĉiuj komprenis, ke la plej digna maniero honorigi la memoron de la mortinto estis sukcesigi la kongreson, kiu eble rapidigis lian infarktan krizon. Notinde estas, ke dum tiu malferma kunsido la salutantoj uzis nur Esperanton, eĉ se ili ekparolis ĝin por la unua fojo. Kiel komencantoj tiel salutis D-ro Liechti, sekciestro de la personaro sekcio de SFF, nome de SFF mem, D-ro Laorca nome de la kantona registaro de Tiĉino, kaj s-ro Robbiani, sindikata sekretario, nome de la sindikatoj. Sekvis la salutvortoj de reprezentantoj el 18 landaj asocioj de IFEF, el Aŭstrio, Belgio, Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danio, Finnlando, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Iitalio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio, Polio, Svedio kaj Svisio. Sekvis tiam salutoj nome de Universala Esperanto-Asocio, Sennacieca Asocio-Tutmonda, Aŭstria Esperanto-Federacio, aŭtomobilistoj, poŝtistoj kaj blinduloj. La vortoj de G. Pellanda, kiu reprezentis la blindulojn nin kortuŝis. Li dankis la fervojistojn pro ilia helpemo al la nevidantaj turistoj. Konkludis tiun belan kaj dignan malferman kunvenon enhavriĉa parolado de la IFEF-prezidanto, Joachim Giessner. Post la kutimaj dank-vortoj al la multnombraj kunlaborantoj kaj LKK-anoj, inter kiuj la nelacigebla sekretario Kurt Greutert, pro glorado de la beleco de la invitkantono Tiĉino, li analizis la situacion de Esperanto. Se oni malpli priridas ĝin, oni ankoraŭ ne trovas la ideon mem de planlingvo kiel memkomprenebla kaj multaj estas tiuj, kiuj kontraŭbatalas Esperanton. La nuna plej bona lukt-rimedo estas plenkonscie kontraŭbatali niajn kontraŭulojn, ne forgesante, ke «kontraŭ stulteco eĉ dioj vane luktas». Kontraŭbatali ne signifas bati per pugno sur tablon, sed prudente informi kaj laŭeble konvinki.

Komuna tagmanĝo permesis al la kongresanoj interkonatiĝi pli facile ol dum la sabata interkona vespero, kiun fuŝis multe tro brua muzikado. Kaj poste perŝipa ekskurso malkovrigis al la kongresanoj la variecon de la lago Lugano kaj la tipe tiĉinan vilaĝon Morcote. Fervojistaj muzikistoj beligis tiun ekskurseton de siaj arioj, kaj ĉiuj admiris la talenton de la klarnetisto kaj LKK-ano F. de Faveri.

La vespero de la sama dimanĉo estis dediĉita al koncerto, kiu estis unu el la ĝuindaj momentoj de tiu kongreso. La Fervojista Muzikistaro Bellinzona inter la muzikaĵoj interpretis marŝon kaj kvodlibeton, kiun mem verkis ĝia talenta

gvidanto A. Sali.

La lundo 8-a de majo estis dediĉita al la estrar- kaj fak-kunsidoj, kies raportojn aŭdis kaj akceptis poste la plenkunsido okazinta ĵaŭdon.

21 komitatanoj ĉeestis la nepublikan estrar-kunsidon, kie estis antaŭdiskutataj kelkaj punktoj de la venontaj kunsidoj, ekzemple la simpligon de la landaj jar-raportoj kaj de ties resumoj. Estas preparata kolektaĵo de ĉiuj^ĝisnunaj IFEF-kongres-emblemoj. Nederlando disdonis al ĉiuj landaj asocioj ekzempleron de la ĵus aperinta faka vortaro Esperanto-Nederlanda. Ekzistas nun tiaj eldonoj por 5 lingvoj.

La Fakprelega Komisiono, kiun prezidis Willi Brandenburg konstatis, ke aperis post la 23-a IFEF-Kongreso ĉirkaŭ 30 publikigoj de la prelego «Modernigo de Jugoslaviaj Fervojoj», tio en la lingvoj dana, germana, itala, kroata kaj slovena, krom Esperanto. Dum la Universala Kongreso en Londono oni prezentis prelegon pri «Trafikaj problemoj de la venontaj jardekoj en Britio». Estis deciditaj la prelegtemoj por la 25-a IFEF-Kongreso en Århus kaj por Somera Universitato dum la Universala Kongreso en Beograd, ambaŭ en 1973.

La terminaran komisionon prezidis G. Ritterspach. Unuafoje la disponebla tempo de tri horoj ebligis senurĝan traktadon de la tagordo kaj unuafoje la jar-raporto de la landaj IFEF-sekcioj enhavis informojn pri la farita terminara laboro, tiel ke la resumo prezentita dum la kongreso ŝparis al la terminara komisiono multe da tempo. La nuna klopodo de tiu komisiono estas multigi la nacilingvajn tradukojn de la fervojista Terminareto. Kun la ĵusa eldono de la nederlanda traduko jam aperis tiu vortareto en 5 lingvoj. La gvidanto disdonis kompilaĵon de ĉiuj terminoj el la Plena Ilustrita Vortaro. Tiuj terminoj koncernas la fervojan fakon. Gravaj mankoj en PIV evidentiĝis kaj postulos kunlaboron kun la Terminologia Centro de ISAE, kies gvidanto nun estas inĝeniero Broise en Francio. La komisiono okupiĝis poste pri la revizia metodo por la komunaj traduklaboroj. Ĉar interkonsento ne estis atingebla inter kontraŭaj tendencoj, oni decidis favore al kompromisa eksperimento. La laste proponitaj ŝanĝoj en la Regularo por la Terminara Komisiono (Aldono IV de la Statuto) estis priparolitaj.

La Junulara Sekcio kunsidis sub la prezido de Jean Mevel. Tiun kunvenon partoprenis 23 gejunuloj el 8 landoj. Inter ili la ĉefaj junaj landgvidantoj kaj unu reprezentantino de TEJO. Tiu kunveno analizis la rezultojn koncerne la ĉefajn punktojn de la laborplano decidita en Maribor okaze de la pasintjara IFEF-kongreso. Parto de la farota laboro trovis modestan rezulton kaj la alia parto ne sukcesis kiel esperinde. Mencienda estas la grava sukceso de la 13-a IFES (Internacia Fervojista Esperanta Skisemajno), kiu okazis en spitzingsee en Bavario. Estis decidita nova labor-plano, kies ĉefaj klopodoj turniĝis al la Jubilea Kongreso okazonta en Århus.

La Statutrevizia Komisiono ne bezonis kunsidi, ĉar la reviziado de la statutoj estis pritraktita dum la ĝeneralaj laborkunsidoj.

Tiun laborplenan tagon konkludis la Kongresa Balo, kiu estis bone frekventita ĝis frumatena horo.

Ekster la turisma ekskurso, kiu kondukis la kongresanojn al la plej grandioza vidpunkto de la regiono: Monte Generoso, du fakaj ekskursoj havis kiel celojn: a) la varstacion en Chiasso, limstacio, kie alvenas potage proksimume 2400 vagonoj, kiuj devas esti aranĝitaj en novajn trajn-

formaciojn antaŭ traveturi la Gothardan pasejon. b) La dua ekskurso al la ĉef-riparejo SFF en Bellinzona ne nur interesis kongresanojn, sed ankaŭ la televidon. Tiu riparejo okupas 651 dungitojn, pojare ĝi prizorgas 270 lokomotivojn, 10 600 var-vagonojn kaj 850 person-vagonojn. Pri ambaŭ vizitoj la kongreslibro alportis tre interesajn informojn, same kiel pri la modernigo de la Sivsaj Federaciaj Fervojoj.

Faka prelego verkita de Anton Eggermann kaj prezentita de Gernot Ritterspach, Otto Walder kaj Willi Brandenburg prezentis filmojn pri la Gotharda Fervojo, alportante geologiajn, etnajn kaj klimatajn informojn same kiel teknikajn detalojn. Alia filmo «Sekureco ĉe fervojoj» raportis pri la lukto kontraŭ la lavangoj. La prelego mem rilatis ĉefe pri la politikaj antaŭkondiĉoj kaj konsekvencoj de la traforado de la Gotharda tunelo. Estis anoncita la forado de nova multe pli longa tunelo. La publiko poste ricevis respondojn al siaj demandoj. Estis poste prezentita FIAT-filmo kaj lumbildoj pri la venonta IFEF-Kongreso en Århus. Tio estis interesa ĵaŭda posttagmezo.

Tuj post tiu faka prelegaro la katolikoj povis ĉeesti meson okaze de la ĉielira tago, kiun Pastro Albino Ciccanti el Rimini celebradis en Esperanto en la preĝejo Immacolata.

P. Albino Ciccanti jam de jaroj tute sin dediĉas al la esperantomovado kaj volonte faras meson por esperantistoj.

Por la IFEF-kongresoj li celebris en Rimini, Maribor, kaj Lugano. Oni jam invitis lin fari meson ankaŭ en Århus, Danio, okaze de la venontjara IFEF-kongreso.

La lasta vespero havis folkloran karakteron. Elstaris la kontribuaĵoj el la tiĉina (itallingva) parto de Svisio, kun melodioj kelkfoje malĝojaj kaj kelkfoje ritmoŝprucaj, kun dancoj kaj kostumoj popolaj. Ne mankis kontribuaĵoj tamen el aliaj partoj de Svisio: dum sonoris la profunda kaj impona blovo de alpa korno, alemana flago-svingisto demonstris sian neordinaran kapablon en la tre tipa alemana (svisgermana) folklora sporto. Vigle akompanis la riĉan programon la amuzaj sorĉaĵoj de la prezentisto-sorĉisto Hans Herrmann. Bela vespero, kiu entuziasmigis la kongresanojn.



*La bulgaraj geaktoroj Belka Beleva kaj Anani Anev en la komedio: «Kara mensoganto».*

Alia belega vespero estis la Teatra Vespero de merkredo. Tiam ni povis ĝui pri la talento de la bulgaraj geaktoroj Belka Beleva kaj Anani Anev kaj Mihaial Cabanov. Sendube tiu vespero estis la kultura supro de tiu kongreso. Kvankam la salonego de la kongresejo akustike ne bone konvenis por rekta alparolado al la publiko sen uzo de laŭtparolilo, la kompreno de la bulgaraj aktoroj estis tute kontentiga. La elekto de tri unuaktaj komedietoj stile kaj epoke tre malsimilaj estis bona ideo kaj pruvis la ludvariecon de la geaktoroj. La unua komedio «La Urso» de Ĉeĥov montris, kiel maljuna bienposedanto subite malkovris la virinon de sia vivo en vidvino, kiu estis decidinta ĝismorte funebradi sian mortintan edzon. La dua teatraĵo «Kara

Mensoganto» de Gerome Kilti konkretigas korespondadon okazinta inter la aktorino Campbell kaj la angla verkisto Bernhard Shaw. Ni povis admiri, kiel Anani Anev per simpla ŝanĝo de sintenado kapablis iom post iom maljuniĝi kaj kiel Belka Beleva kapablis identiĝi al la diversaj roloj de Mrs Patric Campbell. Kun la komedio «Divorco» de Nadejda Slonova ni vidis, kiel virino, kiu venkas la propran emocion povas ridindigi edzon, kiu sin lasis flatadi de junulino. Tiu decido venigi talentajn geaktorojn eĉ el tiel fora lando kiel Bulgario por Teatra Vespero estas precedenco imitenda.

Fine ni raportu pri la disvolviĝo de la ĵaŭda plenkunsido de IFEF. De statutoj kaj regularoj estis unuanime akceptitaj. Same estis pri la realigeblaj proponoj, pri la buĝeto kiu antaŭvidis altiĝon de la preskostoj de la oficiala organo. Ĉiuj ĝisnunaj funkciuloj estis reelektitaj, kiel prezidanto Joachim Giessner (Germanio), kiel sekretariino s-ino Elfriede Kruse (Germanio), kiel kasisto Otto Walder (Svisio), kiel redaktoro Per Johan Krogstie (Norvegio). Por anstataŭi la demisiintan vicprezidanton Gvozden Sredić (Jugoslavio), estis prezentitaj du kandidatoj. Wim van Leeuwen (Nederlando) kaj D-ro Imre Ferenczy (Hungario). El ili la unua estis elektita. La revizoroj, ĉiuj el Svisio, estis konfirmitaj. Kiel kongresloko 1973 definitive estis elektita Århus (Danio), kie okazis jam la unua kaj deka kongresoj, pro la granda subteno flanke de la aŭtoritatoj. Kiel provizora kongreslando por 1973 destiniĝis Hispanio, kongresurbo fariĝos Barcelona aŭ Taragona, laŭ la lokaj cirkonstancoj. Dum la libera diskutado kelkaj membroj prezentis siajn proponojn kaj organizantoj de regionaj kaj kulturaj renkontiĝoj varbis por siaj aranĝoj, ekzemple por la belga-franca-germana-luksemburga jarkunvenoj en Clervaux (Luksemburgo) same kiel por la Kultura Festivalo en Budapest. La kunveno, lerte kaj afable gvidata de prezidanto Giessner postlasis bonan impreson kaj fidon en la estonteco.

*

La tuttaga ekskurso por la plejmulte el la gekongresoanoj fariĝis parto de la hejmvojaĝo. Frue en la mateno ni forlasis nian ĉarman kongresurbon per specialtrajno, en kiu oni tra laŭtparolilo distris nin per muziko aŭ rakontis pri la vidindaĵoj, kiujn ni preterpasis. En *Flu-elen* ni forlasis la trajnon kaj enbordiĝis en ŝipo, kiu laŭ la bela Vierwaldstättersago portis nin al Luzern. Survoje ni tagmanĝis. En Luzern ni tuj eniris la grandan planetarion, kiu estas la plej moderna en Eŭropo. Tie ni faris longan vojaĝon inter la steloj. En bona Esperanto oni rakontis al ni pri la mirinda universo, kiu ĉiam ŝanĝiĝas. Poste ni en trafika muzeo havis la okazon pritrakti ĉiujn trafikilojn de bicikloj ĝis interplanedaj ŝipoj. Kompreneble plej multe interesis nin la fervoja parto de la muzeo, kiu ankaŭ estas la plej ampleksa. Sed ankaŭ malnova ŝipo meze de la muzeo vekis intereson. Speciale ĉar en ĝi estas restoracio.

La vetero dum la tuta restado en Lugano estis tre bela, sed en Luzern ĝi estis malvarma kaj pluva. Tamen multaj piediris la longan vojon al la fervoja stacio, de kie la gekongresanoj iom post iom per diversaj trajnoj en diversaj direktoj vojaĝis hejmen riĉaj je belaj travivaĵoj.

Kaj la salutvortoj estis: Ĝis revido en Danio.

*

La redaktfino par la venota IF estas 25.7.1972

Presita de presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio